2.ª Ep. AÑO I, N.º 2 (138) OCTUBRE - 1963




DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

# NOVA STELO EN NIA STELARO!

Okaze de la inaŭguro de la Esperanto Grupo en ALAR DEL REY (Palencia), la divers-provincaj geesperantistoj pozas antaŭ la urbodomo. Legu detalan raporton de nia samideano E. García Diez en la internaj paĝoj.

**BOLETIN DE LA**
**FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA**

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

Redakcia Komitato:
Angel Salete
Nicolás L. Escartín
Emilio Gastón

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko
kaj informado sendu al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Dro. E. Tudela
Str. Ruzafa, 41 - VALENCIA

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., ekscepte en okazo de oficiala komuniko; do pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## *Nia sekretariino parolas...*

Al ponernos en contacto periódico con todos los miembros de la Federación, quiero empezar dándoles una explicación de nuestra actitud al parecer pasiva.

Hasta final de julio, después de haber asistido al Congreso en Barcelona, no pudimos presentar en este Gobierno Civil, la documentación necesaria para que nuestra Federación fuera inscrita en el Registro de Asociaciones, ya que hasta entonces no nos fué enviada por nuestros antecesores valencianos. El 6 de agosto de 1963 quedó inscrita con el número 1.077, y su Directiva oficialmente aprobada.

Después, ha habido que pedir permiso para la publicación de Boletín, naturalmente hay que pasar por todos los trámites que esto lleva consigo y... queda explicada nuestra tardanza en ponernos en contacto con todos.

Durante este tiempo hemos recibido informaciones de distintas ciudades, pero algunas de ellas por resultar ya tan fuera de actualidad el Comité de Redacción no ha considerado oportuna su publicación; agradecemos a todos su colaboración y esperamos poder seguir contando con ella.

Tenemos preparados dos Boletines más que saldrán seguidamente para que, con los ya publicados dentro de este año, quede completa la colección 1963, y ya después, empezar su publicación bimensual regularmente. Como es norma, comunicamos que el próximo número irá contrareembolso de la cuota anual 1963, a los que todavía no la hayan pagado.

Gracias por vuestra paciencia y prometemos no abusar de ella.

---

VALLADOLID (HISPANUJO): La Esperanto-Grupo «FIDO KAJ ESPERO» de tiu-ĉi urbo, havas novan flagon; ĝi estas silka kaj estas tre bele brodita. La publiko povis vidi ĝin en montrofenestro de unu el la plej gravaj vendejoj de la urbo.

La loĝantaro de Valladolid tre bone laŭdis la novan flagon kaj la viglan Esperanto-Grupon.

**ATENTU**

Belajn poŝtkartojn kaj kovertojn pretigis por vi la eldona fako de H.E.F., vide al la Esperanta Kongreso okazonta en Valencio de la 21ª ĝis la 24ª de julio 1964. Prezo: poŝtkarto kvin ptjn., la deko. Koverto kvin ptjn. la deko.

Sendu la monon kune kun la mendo al Sekretariejo de H.E.F. str. Marina Moreno, 35, 4.°, Zaragoza.

Belaj kaj bonkvalitaj Kristnaskaj kartoj estos je via dispono antaŭ ne longe. Faru jam nun la mendon.

# "TAMAS" NIA PLEJ DANĜERA MALAMIKO

*Nicolás L. Escartín*

La hinda filozofio esprimas per la sanskrita vorto «Tamas», ideon pri inerteco, nescio kaj mallumo. Laŭ la subtilaj hindoj «Tamas» manifestiĝas en la objektiva mondo kiel inerteco, mallumo, k.t.p.; kaj en la interna naturo de la homo ĝi aperas kiel senkuraĝo, timo, malkonfido, apatio, nescio, menskonfuzo, mallaboremo k.t.p. Verŝajne «Tamas» estas la praorigino de ĉiuj malfeliĉoj kiuj liberplene regas nian tergloben.

Inerteco, apatio, nescio kaj ilia kortego de negativaj kvalitoj estis, kaj daŭre estas, la ĉefaj obstakloj, la konstraŭstaraj elementoj al la enkonduko de ajna bono por la Homaro. Historio atestas pri kiom da miskompreno, obstina rezistado, malkonfido kaj indiferenteco montris la homoj antaŭ aferoj kiuj estis por ili rekte bonfaraj. Nescio, inerteco, timo kaj malkonfido estas la plej rekte danĝeraj malamikoj, kaj bedaŭrinde ankaŭ estas la plej fortaj.

Esperanto, kiel unu el la plej utilaj periloj por la homarigo de la homestaĵoj, ne povis atendi pli bonan bonvenon ol siaj bonfaraj antaŭuloj. Eĉ hodiaŭ, kiam la naskiĝanta intelekto promesas pli viglan pluiron, miskomprenoj abundas, obstakloj pavimas la vojojn kiuj kondukas al realigo, indiferenteco riĉplene elfloras, kaj kelkfoje eĉ tiuj kiuj plej konscie devus agnoski la fakton de ĝia neceso, kiuj plej arde devus plupeni por ĝia enkonduko, lace drivas puŝataj de la ventoj de inerteco, apatio, langvoro kaj indiferenteco, aŭ rekte kontraŭstaras ĝin. Manko de respondecosentoj oftigas misinterpretojn kaj nia movado kaj celoj estas prezentataj sub falsa kaj erariga lumo, kio okazigas ne flatajn kritikojn kaj primokojn kiuj tute ne favoras nin, nek nian movadon.

Laŭ kelkaj nuntempaj filozofoj, la homa amaso ekkomencas nun konkeri la veran pensokapablon, sed ĝi, samkiel ĉiu novnaskita povo, troviĝas ankoraŭ en la unua, kvazaŭ infana stadio. La senbridaj, pasiplenaj sentoj, la deziroj, la korbatigaj emocioj, estas ordinare multe pli fortaj ol la ĝermanta pensopovo. Tiel, rilate al ĉio kio postulas ekvilibran sintenon, serenan, senantaŭjuĝan kritikon kaj senpartian ekzamenon ni ne povas esperi multon. Plejparte, la kaŭzo de multaj miskomprenoj estas la manko de vera intelekto.

«Tamas», karakterizas la homan amason. Ĝia subularo estas mondampleksa, kaj la sinteno de tiu subularo ne estas ankoraŭ favora por senbara akcepto de ajna ne egoismocela bono. Ĉio kio postulas mondampleksan superrigardon, intelektan analizon kaj veran homamon havas malgrandan ŝancon -fakte neniunpor tuja agnosko. Kaj Esperanto estas tia. Jen unu el la kaŭzoj de la ĝisnaŭza ripeto de multaj Esperanto-sloganoj, de multaj «faritaj frazoj», kiuj senĉese frapas niajn okulojn dum la legado de la Esperanto-revuoj. Oni insiste celas komprenigi ion kio estas malfacile komprenebla kiam mankas la kvalitojn supre cititaj.

............

Per la vorto «Tamas» mi celis bildigi homaran staton kiu, cetere, ne estas fremda al ni, esperantistoj. Kaj kvankam mi ne volas ĵeti ŝtonon (kiu estas senpeka ĵetu la unuan), mi celas atentigi nur pri la neceso scii kian rolon ludas «Tamas» en la propra vivado kaj kiom ĝi ĝenas la disvolviĝon de la Esperantista devo, ĉar kono pri ĝi ebligas forigon aŭ almenaŭ klopodon por kontraŭbatalo kaj pli vigla agado rilate al nia socia kaj Esperantista laboro.

# EN LA ĜARDENO ESPERANTISTA

# ELKRESKIS NOVA ARBETO!

S-ano, E. García Díez.

La 21an-4-63, okaze de la fermo de la unua Esperanto kurso, kiun gvidis S-ano: Tomás ORTIZ GARCIA, kaj kiel omaĝo al la Elpensinto de Esperanto, oni celebris en la urbo, ALAR DEL REY (Palencia) Hispanujo, gravan esperantistan kunvenon. Ĝin partoprenis pli ol 150 geesperantistoj alvenintaj el provincoj. Jen resumo:

Ekde la tagiĝo, la suno, kvazaŭ konscia pri sia rolo por sukcesigi la aranĝojn de tiu tago, eksterordinare brilis en la blua ĉielo. La milda matenaero portis al ni florodorojn de la proksima kamparo kaj la susurojn de la apuda preterpasanta rivero kies akvoj pliklariĝas zigzagsaltantaj inter la ŝtonoj de ilia fluejo. Subite, petardopafo rompis tiun trankvilon kaj fumnubeto makulis la puran lazuron. Tiu pafo anoncis la ĵusalvenon de geesperantistoj el VALLADOLID, SANTANDER kaj PALENCIA kiuj nin honorigis per sia ĉeesto.

Post ilin bonvenigi, ĉiuj ni piedveturis ĝis la urbodomo. Je la 11'45ª h. ni estis akceptataj de la Urbestraro kiu sinsekve prezidis la malfermon de la Esperanto-ekspozicio kaj la ceterajn aranĝojn.

La E.-ekspozicio bonguste preparita de S-ro. Tomás ORTIZ, enhavis ĉiuklasan esperantan materialon; leterojn, poŝtkartojn, revuojn, romanojn, bildojn pri ĉiuj mondpartoj, sciencajn librojn kaj plurajn detalojn concerne al ESPERANTO. Surmure, majeste prezidis la ĉambron bildo de nia kara Majstro, ZAMENHOF. La ekspoziciejo restis malfermata, tutan tagon, por ke ĉiuj eblus viziti ĝin.

Per sinsekva akto, oni inaŭguris la lokan E. grupejon. Kvankam honeste meblata, ĝi estas sufiĉe komforta por ke la anoj de la ĵusnaskiĝinta grupeto konsideriĝu tie, kiel ĉe ilia propra hejmo.

Je la 11'30ª h. ĉe la preĝejo de Nia S-ino de l'Karmeno, celebris meson Pastro Josefo Mª de l'Jesuinfano el la religio de piednudaj Karmelitoj, tiacele alveninta kun la samideanoj el Valladolido. Pastro Josefo, alparolis esperante la ĉeestantaron kiu plenplenigis la preĝejon.

Specialan reliefon atingis la kunfratiĝa akto ĉe la kinejo AQUI-MARI (legu AKI-MARI), kie prelegis elstaraj gesamideanoj pri diversaj esperantaj temoj. Fraŭlino, Mª. BLANCA IGLESIAS, mirigis ĉiujn ĉeestantojn per sia korekta esperanto, malgraŭ ŝia kvarmonata lernado. Ŝi salutis la aŭtoritatulojn tie ĉeestantaj, kaj dankis ilian helpon kaj konsenton por la organizado de la aktoj tiutage celebrataj, animis la ne-kredulojn kaj kuraĝigis la novajn gesamideanojn por daŭre resti kaj batali en niaj esperantistaj vicoj. Ĉi-tiun akton fermis S-ano, Tomás Ortiz kiu konstatinte ke siaj streboj sukcesis plibone ol li mem imagis, ege kortuŝiĝis kaj per interrompitaj vortoj li esprimis, ke kiuj ajn vortoj estus netrafaj por dece elmontri sian dankemon, sian ĝojon kaj plezuron. «Pro tio, li diris, konsideru ĉi-tiujn larmojn kiuj malsekigas miajn okulojn. Ili pruvas al vi mian dankemon pli elokvente ol ĝin farus la plej-elektitaj frazoj. Dankon al ĉiuj!!!.»

Tondra aplaŭdo akceptis la lastajn vortojn de nia kamarado S-ro. ORTIZ kaj vivukriojn al Esperanto kaj al ĝia Elpensinto, oni aŭdis ĉe la kinaŭlo kiu ŝajnis defali sur nin pro la vivurespondo de la densa ĉeestantaro.

Post eliri la kinejon, per aŭtobusoj, ĉiuj veturis al Monaĥinejo de Sankta Andreo, kiu kuŝas je sep kilometroj proksimume. Ĝi estas nacia monumento de la XIIª jarcento.

Tie, la gesamideanoj tagmanĝis, unuj ekstere, surkampe, aliaj ĉe la manĝejo de la Monaĥinejo.

Post tagmanĝi, kun konsento de la Abatino, ni vizitis la plejinteresajn ejojn, nome; la preĝejon, la artan *klaŭstron*, la aŭlon por la monaĥinaj kunsidoj, kaj aliajn... Malgraŭ la enfermiteco de tieaj monaĥinoj, ni bonŝancis konversacii kun ili, kompreneble, de malantaŭe la fera krado de la konversaciejo.

Monaĥinoj, interesiĝis scivoleme pri Esperanto kaj faris kelkajn demandojn koncerne ĝian disvastiĝon en la mondo, pri ĝia konsisto k. t. p.

Post bondeziri kaj adiaŭi ilin, denove ni veturis al ALARO kie oni organizis dancadon por ne-kaj esperantistoj. Tie regis bonhumoro, kaj specialistoj piedumis regionajn dancojn svingantaj, laŭtakte, siajn brakojn. Tiel, ili faris la distron de la ĉirkaŭe rigardantoj.

Jam estis forpasinta la 24ª horo kiam finiĝis la dancofesto. Apud la aŭtobusoj oni aŭdis adiaŭvortojn kaj bedaŭrojn pro la baldaŭa disiĝo. Promesoj pri reciproka revido mildigis tiun disigan momenton.

Malrapide la aŭtobusoj startis. Ni restis najle surstrate adiaŭsvigantaj niajn manojn, responde al forirantoj kiuj tra la fenestroj agitis, salute, siajn poŝtukojn. Fine, impertinenta ŝosekurbiĝo ilin malaperigis...

Mediteme, ni retiriĝis cerbumantaj pri la dumtagaj travivaĵoj kiuj malfacile forstrekiĝos el niaj mensoj.

Nun, kiam ĉi-tion mi skribas, ALAR dormas trankvile... sed certe iuj kapoj, sonĝe, daŭras vivantaj la emociojn de la pasinta tago.

---

# "Esperanto en la Universitato"

*Angel Salete*

Antaŭ kvar jaroj oni instruas la helpan lingvon, en la Sociala Lernejo de Zaragoza, kies sidejo estas en la ĉi tiea Universitato.

Dank' al la klopodoj de la Direktoro D-ro. Sancho Izquierdo estis komencanta kurso de Esperanto, kiu dum la du unuaj jaroj, estis konsiderata kiel merita lecionaro por tiuj kiuj memvole dezirus ĝin lerni.

La sperto de du sinsekvaj kursoj, montris ke la lingvo estas sufiĉe facila kaj lerninda, povante ĝin uzi kaj utiligi precipe por korespondado preskaŭ de la unuaj lecionoj.

Post la rezultoj de la du antaŭaj kursoj en la tria jaro, Esperanto estis oficiale akceptata kun la samaj rajtoj kiel la aliaj lingvoj instruataj en la Sociala Lernejo kaj oni ekzamenis la gelernantojn kun egalvalora kvalifiko laŭ ilia kapablo, al la aliaj temoj de la studplano.

Kompreneble, multaj samideanoj pensos ke la sciigo estas iom malfrua. Tamen la organizantoj de la kursoj memdecide prokrastis ĝian publikigon, ĉar ili volis esti certaj ke tiu atingo de nia movado ne riskas malsukcesi.

Hodiaŭ plenĝoje ni povas komuniki al vi tiun gravan eventon en la historio de Esperanto kaj samtempe je la nomo de la Federacio kaj la tuta esperantistaro nia revuo esprimas sian sinceran dankon al la estraro de la Sociala Lernejo kiu ĝentile ebligis la realigon de nia deziro.

Espereble ke la ekzemplo estu imitata de aliaj lernocentroj kaj tio, kion nuntempe ni konsideras kiel novaĵon estu akceptata post nelonge kiel naturan fakton de nia ĉiutaga vivo.

---

## PREMIO "COMELLA-BASSOLS"
## KVINA KONKURSO (1963)

### VERDIKTO

Ni havas la honoron komuniki al la esperantistaro, ke post la ĝenerala voĉdonado atingis la Premion la rakonto MALJUNA KORO, originale verkita de samideano *VAŇA* Wladimir, el Ĉeĥoslovakio.

La Juĝantaro gratulas lin kore, kaj multe dankas ĉiujn partoprenintojn pro ilia imitinda kontribuo por la sukceso de la Premio.

Teo Jung, Emilija Lapenna

Lluis Mimó kaj Francesc Vilá Sekretario

## *Ni legis por vi...*

Martinus - LOGIKO. El la dana tradukis Ib Schleicher. Eldonis MARTINUS-INSTITUTO. Kontrolita de la literatura komitato de S.A.T. 196 paĝoj kun 3 nigraj ilustraĵoj kaj vortoklarigo. Bela, blanka bindo kun la titolo kaj la simbolo de la Instituto ore stampitaj. Prezo ne indikita.

Post LIVETS BOG (La Libro de Vivo) sendube estas LOGIKO la plej grava libro de Martinus, kaj la 8a en la vico de la jam tradukitaj en la internacian lingvon.

Martinus, per tiu granda klarvido kiu lin karakterizas donas al ni, en ĉi tiu impona libro, ĉiopenetran analizon de la vivo, la universo, la homo kaj la eternaj leĝoj kiuj regas la mondotuton en kiu -laŭ bibliaj vortoj- «ni vivas, moviĝas kaj ekzistas». Religio, scienco, materiismo, fanatikismo, superstiĉo, k. t. p. estas majstre analizitaj el vidpunktoj plej ofte tute originalaj kaj profundaj. Legante ĉi tiun libron oni eklernas alie koncepti tiun tutmondon kiu estas —laŭ vortoj de la aŭtoro— «la kulmina amo de la eterna Patro».

Nia kara amiko la dana inĝeniero Ib Schleicher faris altkvalitan, belstilan kaj klaran tradukon. Ne facila kaj peza laboro pro kiu ni devas lin kore gratuli.

LA PAPALAGOJ. Unua numero de la poŝlibraro S.A.T.—F.L.E. Komune eldonita de F.L.E. en Amsterdamo kaj S.A.T. en Parizo. Formato 12×17 cms. 80 paĝoj. Prezo 2'70 fr. fr. aŭ ekvivalento.

La libro temas pri la paroladoj de la oceania tribestro Tuiavii de Tiavea, publikigitaj de Erich Scheurmann en nederlanda lingvo kaj tradukitaj en Esperanton de F. Faulhaber.

Tiu ĉi leginda libreto montras al ni la eble naivajn sed mi dirus ankaŭ trafajn pensojn de oceania indiĝeno antaŭ la moroj, kutimoj kaj vivmanieroj de la «papalagoj» (blankuloj, sinjoroj).

Kiu amas puran kaj simplan filozofion ĝuos legante ĉi tiun libreton kies amuza enhavo estas riĉigita per tre bona traduko.

LA LANDLIMA PROBLEMO INTER ĈINIO KAJ HINDIO. Eldonis: la Fremdlingva Eldonejo - Pekino. 133 paĝoj kun 13 referencaj grandformataj mapoj. Prezo ne indikita.

La libro temas, kiel la titolo indikas, pri la disputo inter Ĉinio kaj Hindio pro la landlima problemo kaj enhavas diversajn deklarojn de la Registaro de la Ĉina Popola Respubliko, kaj leterojn de la ĉefministro Ĝoŭ Enlaj al la ĉefministro Nehru kaj al la gvidantoj de aziaj kaj afrikaj landoj. Neriproĉebla lingvaĵo.

N. L. ESCARTIN

Similan recenzon ni faros al ĉiu publikaĵo duope ricevita.

## ESPERANTISTA VIVO

La 28an de septembro 1963a, nia samideano Angel Figuerola estis intervjuata dum ses minutoj antaŭ la mikrofonoj de «Radio Juventud de España», en Madrido, rilate Esperanton. Temis pri difino kaj signifo; Unua Internacia Konferenco de Institucioj en kiuj Esperanto estas instruata kaj la 48a U.K. en Sofio.

La 29an de septembro 1963a, sinjoro Manuel Figuerola Palomo, filo de nia samideano Angel Figuerola, prelegis pri Esperanto en la Militista Kamparo por Universitataj studentoj «La Granja» (Segovia). La prelego temis pri «Graveco de Esperanto en la homaj rilatoj. Amaso de ĉeestantoj promesis lerni Esperanton dum la proksima kurso aŭ en la proksima somero, okaze de ilia restado en la kamparo.

Esperanta Grupo de la Elektra Maŝino kaj Kablofabriko organizis Esperanto-Ekspozicion en Budapesto (Hungario), pasintan printempon. Pere de radio oni multe propagandis, kaj ni estas kontentaj ke helpe de la ekspozicio oni flegis la interpopolan amikecon.

La Rektoro de la Ŝtata Universitato en urbo Ezeged (Hungario), permesis ke oni lernu la esp. lingvon en Universitato, kiel fakultativan lingvon.

S-ro Korach Mor (Maŭrico) akademiano, parolis en Scienca Akademio pri la uzado de esp. en internacia interrilato de la teknika lingvo. Budapesto.

## KLARIGO...

Nuestro *samideano* D. Diego RUIZ HERRERO de Córdoba, nos comunica que en el núm. 135 de nuestro Boletín correspondiente a Diciembre de 1962, hay un error referente a su apellido materno, y nos pide su aclaración. Así pues con mucho gusto le complacemos haciendo constar que su nombre es: Diego RUIZ HERRERO y no Diego RUIZ HERNANDEZ como figura en dicho Boletín.

**Deziras korespondi...**

— HARASYMOWICZ, Elzbieta (14 jara) kaj ŝia frato Zbigniew (11 jara).— Adreso: Sowinskiego 23/3 ZIELONA GORA — Pollando.
— KUSTNER, Harald (20 jara).—Freiheitstr. 44. — SINGEN (77). — Nur kun junuloj (ne junulinoj) 18-24 jaraj.
— PETTERSSON, Klas. — Maltsbogatan, 15 A, AVESTA. — (Svedio). — Kiu volas korespondi kun mi, geamikoj?
— ORSAN-OLSZEWSKI, Stawomir. — Zakopane, «Warszawianka», Str. Jagiellonska, 7 ĉ. 23. (Pollando). — Muzikisto 25 jara deziras korespondi kun hispanoj pri hispana folkloro, fremdaj lingvoj kaj aliaj temoj.

**Anoncetoj**

— «Deziras akiri januaran 1933 kopion de revuo LITERATURA MONDO».— Willian P. Vathis, American Embassy. MADRID.
— ¡Atención editores! — Para la venta al público en mi librería, deseo libros en Esperanto.—Ruego envío de catálogos indicando condiciones. — LIBRERIA ALTADILL. — Serrano Súñer, 9. — GANDESA (Tarragona).

# Esperanto kaj patroj de la piaj lernejoj (Escolapios)

*Patro Jozefo M.ª Claramunt Sch. P.*

Inter la religiulaj ordenoj kiuj pli disvastigis Esperanton dum la unuaj tempoj de nia jarcento, estis ĉefe la Patroj de la Piaj Lernejoj. Mi nur povis kolekti kelkajn informojn pri tiu ĉi afero, por publiki ĝin en nia Bulteno. Ni povas certigi ke kelkaj el ili, estis la iniciatantoj kaj propagandistoj en diversaj hispanaj urboj.

La ĉefa disvastiganto estis Patro Antono Guinart kiu loĝis en Polujo kelkaj jaroj. Li estis inter la unuaj hispanaj esperantistoj, kaj la enkondukanto de Esperanto en Valencio. Multe li laboris pro la disvastigado de nia lingvo, kaj li kreis Grupon en tiu urbo; siaj lernantoj dediĉis al li memorŝtonon en la loka Lernejo de la Patroj de Piaj Lernejoj. Li verkis Gramatikon kun kelkaj komplementoj, kaj Vortareton Esperanto Hispana, kaj li estis membro de la Komitato por propagando kaj organizado de Esperanto. Mi opinias ke dum la venonta Valencia Kongreso, ni devas omaĝi lin.

En Katalunujo unu el la ĉefaj estis Patro Marko Lliró, kiu havis la honoron unue esperante prediki en Hispanujo; li ankaŭ multe laboris pro Esperanto, kaj estis la enkondukanto en Sabadell, kie en 1954a dum la okazigado de 50a jaroj de tiu ĉi fakto, li ricevis publikan omaĝon.

La Patroj Jakobo Muixí, Sebastiano Pubill kaj aliaj, propagis Esperanton en Katalunaj urboj. Patro Francisko Nikolau uzis ĝin en siaj rilatigoj kun eksterlandaj poŝtmark-kolektantoj.

Unu el la maljunaj esperantistoj estas Patro Johano Comellas kiu loĝas en Moyá, kaj dum malmultaj jaroj postlasis Esperanton, sed li denove lernas ĝin, kaj lernigas al novicojn. (li estas 85 jara).

En Granado kaj Tenerife loĝis Patro Ludoviko Rosales kiu dum multaj jaroj korespondis kaj propagis Esperanton.

En 1910a unu el la membroj de nia Ĉefestraro estis Patro Imanuelo Sánchez. Preposito Ĝeneralo de la Patroj de Piaj Lernejoj. Poste je la jaro 1920a la Patro Tomaso Garí Montllor, el Sabadell, kvankan li ne estis esperantisto, gravege helpis la esperantistojn en ilia entrepreno Aŭstria Infanhelpo.

Ni esperas denove ke kelkaj junaj Patroj de la Piaj Lernejoj estos daŭrigantoj de la semado de la unuaj Patroj Esperantistaj.

---

Al leer, entre la colaboración recibida para este Boletín, el informe enviado por el R. P. Claramunt acerca de la labor pro esperanto realizada en distintas épocas por otros R. R. P. P., sentimos la íntima emoción que seguramente comparten todos los esperantistas, al recordar la extraordinaria personalidad del P. Garí Montllor, cuyo recuerdo debe perdurar con gratitud en el ánimo de todos.

El P. Gari Montllor fué el alma del Comité constituído en Sabadell para alojar a los niños austriacos, víctimas de la guerra, que llegaron en el año 1920, ac

gidos mediante la obra esperantista de INFANHELPO. Y después de llegados los niños, considerando la tarea emprendida como misión propia de su bondad inagotable, continuó desarrollando su ayuda con todo cariño y entusiasmo para resolver los problemas o complicaciones que iban surgiendo también fuera de su ciudad, y poniendo la influencia de su reconocida laboriosidad y entusiasmo en apoyo de las gestiones que en Barcelona se realizaban en beneficio general de la Obra.

Por eso, cuando el Patronato para niños Austríacos, establecido en Zaragoza, concedió diplomas de gratitud, uno de los tres únicos otorgados a no esperantistas, fué para él.

Con veneración ante el recuerdo del P. Tomás Garí Montllor, deseamos dar a conocer aquella labor desinteresada y meritoria, íntimamente vinculada con el movimiento esperantista.

EL COMITE DE REDACCION

# MOŜTO, MOŜTA

Delfi Dalmau

Mi memoras kun granda respekto kaj simpatio, kiel korekta estis Esperanto skribe kaj parole, gramatike kaj vortare de niaj pioniroj Pujulá, Bremon, Inglada k.a., jam en la unua jardeko de nia jarcento, kiam ankoraŭ ne ekzistis profundaj Gramatikoj kaj ampleksaj Vortaroj de nia lingvo.

Tamen, hodiaŭ, kiam tiel facile estas konsulti la Plenan Vortaron por eviti erarojn, ni ofte vidas misuzon, ekz-e de *moŝto*. Certe, niaj tiamaj gvidantoj legis plej atente kaj fervore la Zamenhofajn verkaĵojn kaj uzis la majstran lingvaĵon.

Nuntempe, ties tekstoj estas daŭre legeblaj en la Fundamento kaj la Krestomatio de nia lingvo kaj cetera originala verkaro de Zamenhof. Kaj por urĝaj aferoj oni povas trovi la solvojn en Plena Vortaro. Kial oni neglektas ĉi tiun facilan vojon eviti erarojn, kiuj el presaĵoj alglui ĝas al la menso de la legantoj, kaj poste ĉi tiuj vaste ilin ripetas buŝe kaj skribe, eraraj, erarigaj!

Ni ĝoje memoras kiel korekte parolis kaj verkis en la internacia lingvo la fratoj Grau Cases, L. Hernández k. a. Nuntempe, estas multaj vivantaj samideanoj, en nia lando, kiuj povas bone korekti niajn bultenojn kaj librojn. Ni, do, evitu fuŝi nian Esperanton, ĉefe en publikaĵoj.

*Moŝto* estas principe substantivo, kiel en hispana kaj aliaj lingvoj estas substivoj *majestad, excelencia* k. c. Kompreneble, ekzistas *moŝta,* kiel *tabla, poŝa: tabla utileco, poŝa enhavo, moŝta favoro.* Sed erare estas *moŝta grafo* por *grafa moŝto.* Korekte, oni diras *lia reĝa moŝto, ŝia princina moŝto, lia episkopa moŝto* k. t. p.

Pardonu via redaktora moŝto, se mi atentigis vin.

# "OZA"

*Al la familio Gastón kiu havas fortajn radikojn en tiu neforgesebla valo.*

En l'aragonaj pirineaj montoj
apud belega kaj tipa vilaĝo
l'arbaro «Oza» sian ĉarmon montras
al alvenanto.

Mallarĝa vojo —de l'infero, faŭko—
estas mirinda pordo de l'arbaro
kie la fagoj kaj la pinoj teksas
vastan arkaĵon.

Mola, sur tero, herbetar' etendas
sian tapiŝon, dum la Subordano
dolĉe ĝi lulas, kun laŭtakta kanto,
mian dormadon.

MIGUEL SANCHO IZQUIERDO

## Forpasis...

— En Manresa, mortis la 21an de februaro, la esp. veterano ENRIQUE SARRADELL PASCUAL. Li, kune kun la forpasintaj Sro. Oriach kaj Dro. Argemi, veturis al Graz, en la jaro 1920a, komisiitaj de la Loka Komitato por gastigo de Aŭstriaj infanoj.

— En Madrid, mortis la 22an de aprilo, en la alta aĝo de 85 jaroj, Sro. ANTONIO MORAL ROMERO, patro de nia samideano Rafael Moral.

— En Barcelona, mortis Sro. JOSEZO SOLE ROVIRA, patro de la Prezidanto de la Hispana Esperanto Instituto.

— En Tarbeno (Alicante), mortis la 19an de julio, en la aĝo de 71 jaroj samideano VICENTE PERLES MONCHO.

— En Sabadell, mortis la 29an de julio samideano BLAI ROYO MONTE, bopatro de samideano V. Hernández Llusera, en la aĝo de 79 jaroj.

NI ESPRIMAS NIAN SINCERAN KONDOLENCON AL TIES FAMILIOJ

Krucvorta enigmo de J. Devis

Malsupra figuro




### HORIZONTALE

1. Speco de riveraj manĝeblaj krustuloj. Havanta neĝan koloron. — 2. Vira vesto, portata eksterdome sur la aliaj vestoj. — 3. La plej malvarma sezono en Eŭropo. Kunligas per fadeno kaj kudrilo. — 5. Esprimis sian penson per vortoj. — 6. Rilata al longforma rekta kavaĵo, farita per plugilo en la tero. Seka sengrajnigita trunketo de greno. — 7. Definitive forlasi iun pretendon. — 8. Eklezie, preskaŭ sanktulo. Restaĵo el disfalinta konstruo. — 9. Sciigi juĝiston pri ies kulpo. — 10. Krei, starigi organizon. Spacoj da tempo dum kiuj la tero turniĝas ĉirkaŭ sia akso. 11. Kuntiriĝa movo de la koro. — 13. Haltigi aŭ malrapidigi ion. Forte kaj vive sin ĵeti antaŭen. — 14. Kvaroble kvin. — 15. Amaso da objektoj, ĝenerale plataj, metitaj unuj sur aliaj. Estre esprimi al iu sian volon.

### VERTIKALE

1. Garnas ion per io, kion oni etendas sur ĝin. Koloriĝis. — 2. Organo de mamulinoj, en kiu la feto evoluas dum la gravedtempo. — 3. Laŭ nenia maniero. Estanta nepre bezonata. — 5. Fiere kaj afekte fanfaronis. — 6. Opozicia, kontraŭstara. Vegetaĵo kun grandaj ornamaj violaj floroj, el kies radiko oni faras bonodoran pudron. — 7. Logike kunmetas argumentojn kaj tiras el ili konkludon. — 8. Glitveturilo. Devigi iun al io kontraŭ lia volo. — 9. Rakonto pri malnovaj historioj intermiksitaj kun fabelaj faktoj. — 10. Pugnolukti. Ne ekleziulo, ne religiulo. — 11. Tuto de la homaj mensaj kapabloj. — 13. Blankaj fadenformaj organikaj teksaĵoj, kiuj transkondukas al cervo la impresojn de sentorganoj. Rema kaj vela militŝipo en antikva kaj meza epoko. — 14. Surtera difinita regiono laŭ geografia vidpunkto. — 15. Palmopieda kortobirdo kun longa kolo. Ĝojkrii.

## PARA NUESTRO BOLETIN

Donativos recibidos desde 1 de Enero al 31 de Agosto de 1963

| | | Ptas. |
|---|---|---|
| Suma anterior | | 1.853 |
| M. Diaz | Argual | 40 |
| E. Polivka | Alemania | 5 |
| J. Gironés | Barcelona | 20 |
| C. Bello | Manresa | 5 |
| J. Pastor | Novelda | 40 |
| J. Guzman | Valencia | 40 |
| Hijos de F. Soler | Valencia | 50 |
| M. Vilagrán | Barcelona | 102 |
| (CONTINUARA) | Suma | 2.155 |

# MARCOFILIA ESPERANTISTA

*Por EVARISTO GIL*

Marcofilia, es la afición al coleccionismo y estudio de los matasellos. Después de los sellos, en filatelia, el estudio de esta especialidad está mereciendo la atención de los especialistas, habiendo sido estudiados y catalogados los matasellos, después de verdaderos estudios sobre ellos.

En matasellos ocurre ya como en los sellos. Se limita el coleccionismo a un determinado país o a un determinado tema .Dejando aparte los temas, que puedan ser más o menos interesantes a la mayoría de los coleccionistas, nos ocuparemos del tema «Esperanto».

Sabido es que, los servicios postales de muchos países, han venido utilizando gran número de matasellos para conmemorar congresos, aniversarios y otros acontecimientos del movimiento esperantista. Cabe hacer notar que es el único idioma auxiliar que ha merecido tal distinción.

Para testimoniar plenamente la importancia alcanzada por los matasellos que nos ocupan, recordemos que en la Exposición celebrada por la Delegación del Círculo Filatélico de Gracia en el año 1958, dedicada a esta especialidad, se concedieron diez primeros premios, correspondientes a otros tantos temas, consiguiendo el premio de honor la colección de matasellos esperantistas.

El primer ejemplar que se conoce, pertenece a la ciudad polaca de Krakow (entonces de Austria) con motivo del VIII° Congreso Universal de Esperanto, celebrado en el año 1912. Desde entonces, se han venido sucediendo con gran profusión y variedad, principalmente en los países de Europa, destacando en el año 1962 los aparecidos en Suiza, con la efigie del Dr. Zamenhof y el siguiente texto: «75 Jahre Internationale Sprache Esperanto». Dichos matasellos corresponden a 24 ciudades suizas, con una duración de quince días en cada una de ellas. Por lo tanto, en Suiza, durante todos los días del año 1962 ,el 75 aniversario del Esperanto ha sido conmemorado con matasellos especiales.

No siendo posible, en este artículo, entrar en detalles sobre las variedades más notables y demás características de estos matasellos, limitaremos la presente información a reseñar los que, hasta la fecha, se han venido utilizando en España.

1934. Valencia.—Matasellos de rodillo o parlante con el siguiente texto: «LABORISTA INTERNACIA ESPERANTO KONGRESO - VALENCIA, 3-8 AUGUSTO 1934.

1936. Manresa.—De idénticas características que el anterior, en el que se lee: XVIII^a^ KATALUNA ESPERANTO KONGRESO — MANRESA, 31 MAJO 1-2 JUNIO 1936. El texto de este rodillo, fue fabricado en goma y a causa de su deterioro no llegó a utilizarse en las fechas del congreso anunciado. Lo más notable es que sólo se conoce un solo ejemplar en poder de los coleccionistas.

1954 ZARAGOZA.—Fue el primer matasellos especial conmemorativo, concedido por el Servicio Filatélico de la Dirección General de Correos y Telecomunicación. «XV CONGRESO ESPERANTO 24-27 JUL. 1954. ZARAGOZA.»

1956. Zaragoza.—«26 CONGRESO INT. ESPERANTISTAS CATOLICOS - ZARAGOZA 20 a 24 JUL. 56».

1961. Barcelona.—Como los anteriores, otro matasellos conmemorativo para el: «CONGRESO FERROVIARIOS ESPERANTISTAS 6-10 MAYO 1961. BARCELONA.»

Es de esperar que, con motivo del XXIV Congreso Español de Esperanto, que se celebrará en Barcelona durante los días 25 al 28 del próximo mes de julio, el Servicio Filatélico de Correos, conceda otro para conmemorarlo filatélicamente, así lo esperamos los coleccionistas de este tema y no dudamos será demostrada la colaboración del Servicio Filatélico con el coleccionismo filatélico en todas sus múltiples manifestaciones .

## Sur nia labortablo...

— TAMTAMO. Direktoro: Niko Dragona; ĉefredaktoro: La gelegantaro. B. P. 131, Tesaloniko. Greklando.
Ĉarma, kvarpaĝa revueto kun amuza kaj plejofte profunda, saĝa enhavo. Laŭvide la direktoro klopodis kolekti diversspecajn opiniojn en harmonia tuto. Kelkloke li uzas stenografian alfabeton surbaze de la sistemo de F. de Kunovski.

— FRANCA ESPERANTISTO. Numero 221, oktobro 1963a. Oficiala organo de U.F.E. 34 Rue de Chabrol, Paris Xe. Interalie meritas specialan rimarkigon la listo pri la instruo de Esperanto en la francaj lernejoj.

— WORLD COALITION AGAINST VIVISECTION (Mondkoalicio kontraŭ Vivisekcio). Bulletin II-A 1963.
Esta publicación internacional dedicada a la lucha contra la vivisección contiene artículos e informaciones en Esperanto, inglés, francés, holandés y alemán. Cualquier información sobre esta importante organización y sus fines, será facilitada por el delegado para los países de habla hispana «samideano» Nicolás L. Escartín, miembro del Comité de Redacción de nuestra revista.

— GEOGRAFIA REVUO. Organo de la Internacia Geografia Asocio. Administracio kaj Eldonejo.—Zagreb.—Yugoslavio.
Kvankam ne ofte aperanta, la gazeto estas interesa kaj riĉenhava. La prezentataj artikoloj pritraktas la plej diversajn temojn en belstila lingvoformo. Rimarkinda estas la lerta distribuo de komercaj anoncoj kaj reklamiloj kiuj ne multe abundas sur la paĝoj de niaj publikaĵoj.

— OKCIDENTGERMANA REVUO. Tiu ĉi revuo kies kvaran numeron antaŭnelonge ni ricevis, pritraktas precipe la aktualajn temojn kiuj koncernas al la nuntempa germana vivo.
Korekta esprimformo kaj belaspekta prezento karakterizas la enhavon, kiu estas ornamita de abundaj fotoj.



## Vintra Feriosemajno en Austrio

Se vi deziras pasigi agrable kaj amuze la lastajn tagojn de la jaro kaj praktiki la montosportojn en la alpa regiono alliĝu al la
Vintra feriosemajno de Edlach.
Loco.—Edlach, apud Payerbach-Reichenau, Austrio.
Tempo.—De la 26ª Decembro 1963 ĝis la 1.ª Januaro 1964.
Por bone fini tiun ferian programon partoprenu ankaŭ:

La Postsemajnajn Tagojn en Vieno, dum kiuj vi povos admiri la muzeojn kaj aliajn monumentojn de la danuba urbo.
Tempo.—De la 1.ª Januaro ĝis la 4.ª Januaro 1964.
Informojn petu al Austria Esperantista Federacio. Wien 15, Funfhausgasse 16 Austrio.
Indiku: Vintra Feriosemajno de Edlach.

El Comité de Redacción espera, y de antemano agradece, toda colaboración que pueda considerarse de interés para su publicación en el Boletín, pero se reserva el derecho de introducir en el texto cuantas modificaciones o correcciones considere oportunas.



ESPERANTO - GRUPO MOYA (BARCELONA)

Poŝtkartvespero la 27an de Aprilo 1963. Estis ricevintaj 225 poŝtkartojn, kaj la festo estis tre alloga.



María Venesci
Julio Baghy
Kalman Kalocsay
Ferenc Dobos

Pozas en la salono de la grava ekspozicio okazinta en Budapesto, dum la monato marto 1963.

Tip. C. Boloix - Armas 72 - Zaragoza

D. L. Z - 375 - 63